1ª Jaro — Nº 11 ★ ĈIUDUSEMAJNE ★ 24 Majo 1931

# Katolika Vivo

informiga gazeto internacia

## Kial mi estas katoliko

verkis G. K. Chesterton

Kvankam katoliko nur de malmultaj jaroj, mi tamen jam scias, ke la demando : « Kial mi *estas* katoliko » tute diferencas de l' demando : « Kial mi *fariĝis* katoliko ». Ĉiam kreskas la nombro de la motivoj, kiuj klariĝas nur tiam, kiam la unua impulso finefikis. Ili estas tiel multnombraj kaj diferencaj, ke eĉ la origina motivo povas kompare kun ili sin vidigi al ni bagatela kaj neĉefa. Sennombraj estas la argumentoj, kiuj koncentriĝas sur tiun punkton ununuran kaj ĝin plifortigas ; kaj la konvertito eĉ ne povas al si ĉiam rememorigi la vicordon, laŭ kiuj ili venis al li. Kvankam multnombraj, ili jam baldaŭ kunfandiĝis al unuaĵo. Artistaj agnostikuloj ofte multe disputas pri tio : kio en katedralo estas antikva, kaj kio estas renovigita ; dum katoliko ĉefe interesiĝas pri tio : ĉu la katedralo vere katedraliĝis. Nu, ĉar la tuto de miaj konvinkoj, same kiel katedralo, estas tro ampleksa por ĝin detale priskribi, mi renkontus jam tuj malfacilaĵojn volante difini la aĝon de l' diversaj ŝtonoj. Mi kredas, ke mi venus al la konvinko, ke tio, kio unue min altiris al Katolikismo, estis pli taŭga por min de ĝi deteni. Multaj katolikoj — ŝajnas al mi — ŝuldas siajn unuajn paŝojn al Romo al la afablaĵoj de formortinta advokata Moŝto Kensit (1).

Sed mi rememoras pli klare du okazojn, kiuj en miaj okuloj dezirindigis la objekton malaprobitan. La unua okazo estis, kiam Horton kaj Hocking kolertreme parolis pri terura blasfemego, kiun ili legis en verko de katolika mistikulo, pri la sankta Virgulino : « ĉiuj aliaj kreitaĵoj ŝuldas ĉion al Dio, sed Dio mem ŝuldas ion al ŝi ». Kaj mi timvekiĝis kiel ĉe subita trumpetotono kaj diris preskaŭ laŭte : « Kiel brile tio estas dirita ! » Ŝajnis al mi, ke la paradokso de la enkarniĝo povus teksti apenaŭ pli klare aŭ pli delikate.

En la alia okazo iu citis la jurnalon *Daily News* (mi estis tiam ankaŭ mem *Daily News*-ano) kiel tipan ekzemplon de senviva formalismo en la romkatolika religio, ke franca episkopo estis dirinta al kelkaj soldatoj kaj laboristoj, kiuj povis iri al la preĝejo nur frumatene kiam ili estis lacegaj, ke Dio kontentiĝos je ilia korpa ĉeesto, pardonante iliajn lacecon kaj mensdistrecon. Kaj ree mi diris al mi mem : « kiom tiuj homoj havas multan veran prudenton ; se iu marŝus dek mejlojn por al mi fari plezuron, mi ja tion ankaŭ alte taksus, eĉ se li endormiĝus tuj post alveno. »

Estus al mi facile doni multajn ekzemplojn de ĉi tiu unua fazo, en kiu la primitiva malforta komencaĵo de mia katolika vivo trovis praktike sian tutan nutraĵon en kontraŭkatolikaj legaĵoj. Pri la konsekvencoj de ĉi tiuj unuaj inklinoj mi estas sen eĉ iometa dubo. Tio estas ŝuldo kiun mi neniam neis, dezirante nur, ke mi estus povinta fari plion por ĝin elpagi. Eĉ longe antaŭ kiam mi renkontis ambaŭ tiujn eminentajn homojn, al kiuj mi ŝuldas tiurilate tiel multe : Patro O'Connor Bradford kaj Lia Moŝto Hilaire Belloc, mi jam komencis iri en tiu direkto, sub influo, kiun mi sentis meze de mia kutima politika liberalismo, en la fortikaĵo mem de *Daily News*.

Ĉi tiujn unuajn impulsojn mi dankas unue al Dio, sed poste al la historio kaj al la travivaĵoj de la Irlanda popolo. Verdire mi tamen ne havas eĉ unu guton da irlanda sango ; Irlandon mi vizitis nur dufoje, kaj havas nek irlandanajn interesojn nek irlandanajn ideojn. Sed mi vidis tre baldaŭ, ke la irlanda demando estas la sola afero, kiu firmtenis la partisistemon, ĉar ties kerno estas religia realaĵo ; kaj mi koncentrigis min sur tiun parton de la libera politiko, ĉar ĝi estis reala. Ĉiam pli reliefe mi tiam vidis en la historio kaj per propraj spertoj kristanan popolon, longe persekutitan kaj ankoraŭ nun malamatan pro motivo nedifinebla, ĝis mi subite ekopiniis, ke estas simple tial kial ili estas samaj originalaj kaj incitantaj kristanoj, kiel tiuj, de Nerono jetitaj antaŭ la leonojn. Laŭ ĉi tiu persona maniero oni eble povus postesplori la motivojn de mia katolikeco, tiel kiel ili kreskis efektive. Mi povus klarigi, kiel mi ekkomprenis, ke la grandaj regnoj, sin deŝirante de Romo, atingis precize la samon, kion atingas ĉiam la homoj, kiuj rompas leĝojn kaj naturajn ligilojn : sukceson facilan kaj tujan, kaj poste senton, kvazaŭ oni vekiĝas en kaptilon, kvazaŭ oni trafis en falsan pozicion, ne sciante kiel elsaviĝi. En Pruslando ne estas perspektivo por la iama Prusismo, ne pli ol en Manchester por la manĉestra individualismo.

Ĉiu scias, ke ekzistas multe pli da perspektivo, aŭ almenaŭ perspektivo multe pli simpla kaj tuj atingebla por la prakamparo, kiu statas ankoraŭ radikita en la antikva religio.

Kvankam iasence pli facila, ĉi tiu aŭtobiografia metodo estus tamen egoista ĝis absurdeco. Kaj tamen mi embarasiĝas, elektante la alian metodon, kiu konsistus en konciza sed kompleta eldiro de miaj ĉefaj konvinkoj, ne pro manko de materio, sed pro la malfacileco de elekto el tiu materio. Tamen mi volas provi pritrakti malmultvorte unu aŭ du punktojn, kiuj precipe min trafis.

Unue : la mondo disponas je miloj da mistikismo, kiuj iun frenezigas, kontraŭ nur unu, kiu igas persisti homon je lia stato normala. Estas grava vero, ke la homaro nepre ne estos longe kontenta sen ia mistikismo. Eĉ la unuaj akraj sonoj de l' malvarmiga voĉo de Voltaire havis eĥon en Cagliostro. En la nunaj tempoj superstiĉo kaj mensa kredemo revenas al ni kun tioma bruo kaj forttoneco, ke baldaŭ katoliko pleje similos al agnostikulo. Certe li estos la ununura homo, kiu prave povos sin nomi racionalisto. La sama misterdanco sin aperis je la fino de l' roma paganismo, malgraŭ ĉiuj skeptikaj deviecaj babiladoj de Lucretius aŭ Lucianus. Ne estas nature kontentiĝi je la nura naturo. Homo estas mistikulo. Naskiĝinta tia, li certe ĉiam mortos kiel tia, precipe se li estas agnostikulo. Sed dum ĉiuj socioj, frue aŭ malfrue, ree sentas tiun inklinon al tiuj neordinaraĵoj, mi rimarkas, ke estas nur unu socio, en kiu tiu inklino protektas la ordinaraĵojn de la vivo. Sen ĝi ĉiuj ordinaraĵoj trafas en ruinon kaj staton de malsato.

Fama verkisto iam verkis romanon baziĝantan en la antitezo de « The Cloister and the Hearth » (monaĥejo kaj familia rondo). Ĉar tiam, antaŭ duonjarcento en Anglujo, efektive estis eble imagi ke tio estas antitezo. Nun tiu tielnomita antitezo montriĝas tre klare esti parenceco. Kiuj antaŭe aroge postulis la ruinigon de l' monaĥejoj, nun senĝene ruinigas la familian ideon. Jen nur unu el la mil faktoj, kiuj ĵetas lumon sur jena vero : ke nur en ĉi tiu religio la plej altkarakteraj kaj (se vi volas) la plej kontraŭraciaj votoj kaj vokadoj estas tamen la amikoj kaj ŝirmantoj de la bonaĵoj en la ĉiutaga vivo.

Multnombraj mistikaĵoj skuis la nervojn de la homoj, kaj nur unu el ili plifirmigis ilin : la sanktulo estas mense parenca al la homo normala ; la pilgrimanto ŝatas la familian vivon ; la monaĥo batalas por la sankteco de l' geedziĝo. Inter ni la plibono ne estas malamiko de la bono. Ĉiu alia vizia revelacio fine fariĝas ia filozofio malinda je la homoj ; fariĝas simpligo neniiganta ; fariĝas pesimismo, optimismo, fatalismo, neniaĵo, sensencaĵo.

(1) « Kensit-press » : la ege kontraŭkatolikaj preĝejgazetoj en Anglujo.

## NIAJ ALTRANGAJ PROTEKTANTOJ



Lia Ĉefepiskopa Moŝto Aŭgusto Curi
el Bari (Italujo)

« La Ĉefepiskopo de Bari plezure donas sian aliĝon al la Patrona Komitato de la Katolika Esperantlingva Gazeto *Katolika Vivo*, jurnalo kiu, tra la internacia emulado, aŭdigas, en la tre nova lingvo Esperanto, sian voĉon semajnan por la defendo de la Katolika Vero, kaj li deziresprimas, ke la periodiko, pere de la vigla direktado de la Tre Reverinda Pastro Georgo Ramboux, el Parizo, ĉiam pli larĝigu la rondon de siaj legantoj kaj la kampon de sia oportuna propagando.

Bari, 5 aprilo 1931.
Pasko de Reviviĝo.

La Ĉefepiskopo,
† Augusto Curi. »

## La katolika gazetaro kaj la nia

La hispana ĉiusemajna gazeto *La Creuada*, el Terrassa, reproduktis, en sia numero de la 25 aprilo, la artikolon pri la porpaca ekspozicio lokŝanĝa en Francujo.

Brazila jurnalo ĉiusemajna *A Cruz*, el Rio de Janeiro, reproduktis la informon pri la katolika instruado en Ĥinujo, en sia numero de la 12 aprilo.

En artikolo enpresita en la germana gazeto *Heimat und Volk*, en Köln, numero de la 3 majo, pri « la germanaj katolikoj kaj la nacia-socialismo », estis citata opinio, kiu aperis en K. V.

La germana ĵurnalo *Oberpfälzischer Kurier*, el Weiden, en sia numero de la 6 majo, reproduktis informojn pri Sovetlando, dank' al nia samideano Hans Stahl.

La svisa ĵurnalo germanlingva *Die Ostschweiz*, el Sankt-Gallen, en sia numero de la 29 aprilo, propramove menciis nian artikolon pri la renovigo de la katedralo de Sankt-Gallen.

La irlanda revuo *Columban*, en sia numero de aprilo, enhavis reprodukton de la artikoleto pri la meso por malriĉuloj en Parizo, kaj tradukon de la informoj el Litovujo pri la politika-religia situacio en tiu lando.

La franca ĵurnalo *La République de l'Isère*, el Grenoble, en sia rubriko : « Kion rakontas la gazetoj » de sia numero de la 12 majo, raportas pri la rimarkoj de Petrano en lia lasta letero el la Vatikana Urbo.

Ni forgesis diri ankaŭ, ke la franca ĵurnalo *L'Impartial d'Elbeuf* anoncis al siaj legantoj, en sia numero de la 8 aprilo, la aperon de nia internacia organo de Katolika Agado.

Oni do komencas priparoli nian agadon en diversaj landoj. Niaj amikoj klopodu, ke pli kaj pli oni menciu *Katolika Vivo*'n kaj ke pli kaj pli oni ĉerpu el ĝi interesajn informojn katolikajn. Nia deziro ja estas servi la internacian katolikan movadon.

# El malantaŭ la ruĝa limo

## La stato de la katolika hierarkio

La « Papa Jarlibro », eldonita de la Vatikana Presejo, havigas interesajn sciigojn pri la mizera stato de la katolika hierarkio en Sovetujo. Legante ilin, oni ricevas la impreson, ke oni estas antaŭ « Aktoj de Martiroj ».

Tuta Sovetujo katolike konsistigas nur unu solan eklezian provincon: tiu de Mohilev, kaj de tiu ĉi ĉefepiskopejo dependas nur kvar episkopejoj: Kameneĉ, Minsk, Tiraspol kaj Zitomir. La katolikoj, dise loĝantaj en Rusujo, estas apenaŭ unu miliono.

Sed ni tralegu la « Papan Jarlibron ». Ni tuj konstatos, ke Msro Eduardo de Ropp, ĉefepiskopo de Mohilev, nuntempe vivas en ekzilo. Li loĝas en Warszawa (Pollando). Lia Ĉefepiskopo Moŝto estis ja forpelita de la Sovetoj en 1919. Li nun estas 80-jara.

Por prizorgi la spiritan regadon de tiu vasta ĉefepiskopejo de Mohilev, la Sankta-Seĝo, ne elektis novan episkopon, sed anstataŭigis Msron de Ropp de kvin apostolaj administrantoj, kiuj vere dejoras kiel episkopoj.

Jen kion diras pri ili la « Papa Jarlibro »:

Apostola administranto en Mohilev: Msro Boleslav Sloskan, titola episkopo de Cilici, elektita la 13 aŭgusto 1926. *En malliberejo pro la kredo de post la 10 aŭgusto 1927.*

Apostola administranto en Moskvo: Msro Pio Eŭgenio Neveu, el la Aŭgustenanoj de Mari-Ĉieliro, titola episkopo de Citro, elektita la 5 septembro 1926.

Apostola administranto en Leningrad: Msro Antonino Malecki, titola episkopo de Dionysiana, elektita la 1 septembro 1926.

Apostola administranto en Ĥarĥov: Pastro Vincent Ilgin, elektita la 15 aŭgusto 1926. *En malliberejo pro la kredo de post decembro 1926.*

Apostola administranto en Kazan, Samara kaj Simbirsk: Pastro Miĥaelo Iodokas, elektita la 1 septembro 1926. *En malliberejo pro la kredo de post aprilo 1929.*

Apostola vikario por la katolikoj de slavabizanta rito en Moskvo: Msro Leonidas Feodoroff. *En malliberejo pro la kredo.*

Jen pri la ĉefepiskopejo de Mohilev: kvar el ĝiaj ses estroj estas en malliberejo pro ilia katolika kredo.

Nun konsideru ni la situacion en la aliaj eparĥioj. Kameneĉ havas nek episkopon, nek administranton. Minsk ne havas episkopon. Ĝia administranto, kiu estas Msro Boleslas Slokan, estas en malliberejo.

La eparĥio de Tiraspol ne havas episkopon, sed havas kvin apostolajn administrantojn:

Apostola administranto de Odessa, por la suda parto de la eparĥio: Msro Aleksandro Frison, titola episkopo de Limira, elektita la 10 majo 1926.

Apostola administranto de la Volga: Msro Aŭgusteno Baumtrog, elektita la 23 majo 1926. *En malliberejo pro la kredo de post aŭgusto 1930.*

Apostola administranto de Kaŭkazo: Msro Johano Roth, elektita la 23 majo 1926. *En malliberejo pro la kredo de post aŭgusto 1930.*

Apostola administranto de Tiflis kaj Georgio: Pastro Stefano Demurof, intertempa vikario.

Apostola administranto por la katolikaj Armenoj de tuta Rusujo: Pastro Jakobo Bacaratian, loĝanta en Tiflis.

Jen do ankoraŭ du administrantoj el la kvin estas en malliberejo pro la katolika kredo.

La situacio estas pli malbona en la eparĥio de Zytomir. Ĝi ne havas episkopon kaj jen kion sciigas la « Papa Jarlibro « pri la du administrantoj:

Apostola administranto: Msro Teofilo Skalska, elektita la 1 majo 1926. *En malliberejo pro la kredo de post la 20 junio 1926.*

Apostola vicadministranto: Msro Kazimiro Naskrecky. *En malliberejo pro la kredo de post la 20 julio 1929.*

Ni nur aldonos al tiu kortuŝa listo, ke la episkopoj, kiuj ankoraŭ ĝuas (?) liberecon, devas suferi multnombrajn persekutojn ĉiuspecajn kaj renkontas nekalkuleblajn malhelpajojn kaj barojn kontraŭ la plenumado de ilia ministreco.

PETROVIĈ.

**Nia gazeto estas ponumere aĉetebla en Parizo:**

Esperantista Centra Librejo, 51, rue de Clichy (IXe).

Universala Oficejo Katolika, 59 ter, rue Bonaparte (VIe).

## Kial mi estas katoliko

*(Daŭrigo.)*

En ĉiuj religioj estas io bona, sed *boneco*, la eco mem, la pozitiva enesto de amo kaj arda danksento rilate al Dio ne estas en ilia interno. Ju pli profunde ni ilin komprenas, ju pli ni eĉ ilin respektas, des pli intense ni tio realizas. Kio estas en ilia plej ena interno, tio estas io alia ol pura boneco; io kiel metafizika dubo pri la materio, aŭ koncepto pri la nesilentigebla voko de l' naturo, aŭ en la plej favora okazo ia timo je Leĝo kaj Sinjoro.

Kiam oni troigas ĉi tiujn cirkonstancojn, ili fariĝas misformaĵoj, eĉ ĝis diablismo. Ili estas elporteblaj nur tiom kiom ili estas malsovaĝaj. Ili restas honorindaj nur tiom kiom ili restas tre trankvilaj, kiel la Viktoria-Protestantismo. Sed la plej flamiĝanta entuziasmo pri Nia-Sinjoro aŭ la plej fantasma imito de sankta Francisko el Azisio restas en sia vivipova esenco io sana, io sendifekta; neniam ili kondukos homon en tian staton ke li ignoros sian homecon aŭ malŝatos siajn samulojn; kaj boneco neniam povas iĝi tro bona. Jen unu el tiuj signoj, kiuj al mi ŝajnas samtempe unikaj kaj universalaj. Jen alia.

Nur la katolika Eklezio povas savi la homon de tiu mortiga kaj fihumiliga sklaveco: esti ido de sia tempo. Antaŭ nelonge Lia Moŝto Bernardo Shaw eldiris la silentan sopiron, ke je iu pli feliĉa tempo ĉiu vivu tricent jarojn. Tio ilustras la manieron, laŭ kiu la *Fabians*, kiel ili al mi deklaras, celas nur vere praktikajn kaj objektivajn reformojn. Estas cetere ne malfacile; ĉar mi havas firman konvinkon, ke Lia Moŝto Bernardo Shaw, se li estus vivinta la lastajn tricent jarojn, jam de longe katolikiĝus. Li estas eksciinta, ke la tielnomata mondprogreso parte ne estas fidinda, aliparte montras ĉiam kvazaŭsamajn aspektojn. Li estus rimarkinta, ke la Eklezio estas oferata kaj forlasata, anstataŭante superstiĉon rilate al la Biblo, kaj ke la Biblio siavice estas anstataŭata per superstiĉo en Darwin'a anarĥismo, kontraŭ kiu li precize preskaŭ unuavice rezistiĝis. Kio ajn estu pri tio, li dezirus, ke ĉiu havu speron tricentjaran. Kompare kun ĉiu alia homo, katoliko havas speron deknaŭcentjaran. Homo katolikiĝanta subite aĝiĝas je dumil jaroj. Kaj ankoraŭ pli precize oni povus diri: por la unua fojo li kreskas al plena homeco. Li priJuĝas la aferojn, tiel kiel ili tuŝas la homaron, en multaj landoj kaj tempoj, kaj ne sole laŭ la lastaj gazetaj sciigoj.

Nu, se modernulo diras: « Mia religio estas: esti spiritualisto aŭ socialisto, li tute vivas en la mondo ekskluzive modernaja. Socialismo estas reakcio je kapitalismo, je la niatempa plutokratio. Lia politiko estus tute alia, se lia kazo estus alia, se li vivus en Sparta aŭ Tibeto. Spiritualismo ne kaŭzus tiun bruon, se ĝi ne estus la terurita kontraŭdiro al ĝenerale akceptata materialismo. La ideo pri spiritoj — ĉu bona aŭ falsa — neniam kaŭzis en la mondo tiom da emocioj. Spiritualismo estus senpotenca, se la eksternaturaj estus ĝenerale akceptataj. Nur kiam tuta generacio estis dogme kaj por ĉiam decidinta, ke spiritoj ne *povas* ekzisti, tia senkarna spiritedo kapablis ilin terurigi. Tiaj aferoj estas faritaj de sia tempo; jen ilia plej taŭga senkulpigo. La Katolika Eklezio jam de longe pruvis ne esti faritaĵo de sia tempo, sed de sia Kreinto; same vivipova en sia maljunaĝo kiel en sia junaĝo; kaj eĉ ĝiaj malamikoj perdis en la interno de siaj koroj la esperon, iam ĝin vidi morti.

Tradukis el *Catholic Times*: Frato FLORIANO.

## EL ANGLUJO

### La Sankta-Patro honoras jurnaliston

La Sankta-Patro grande honoras katolikan ĵurnaliston per la donaco de la Kavalireco de la Ordeno de Sankta-Gregorio al redaktoro de la angla ĉiusemajna gazeto *The Universe*, S-ro Herbert Dean.

Li fariĝis katoliko en 1903; antaŭe li estis helpredaktoro ĉe la anglika jurnalo *Church*



S-ro HERBERT DEAN
Redaktoro de *The Universe*.

*Review*. Du jaroj pliposte li akceptis la postenon de redaktoro ĉe *The Universe*. Sub la majstra gvidado *The Universe* daŭre kreskis ĝis ĝi atingis la nunan gravan pozicion en la katolika gazetaro.

### Por la misioj

En la nun aperanta organo de la Asocio por la Propagando de la Kredo *Annals*, ni legas ke la Brita filio de la Asocio pligrandigis sian ĉiujaran donacon al la Centrejo en Romo po £ 1.000, do sume por la jaro 1930 estis sendata £ 10,500. Kvankam oni ŝuldas la pligrandigon al la malavereco de individuaj membroj ĉu vivantaj ĉu mortaj, la eparĥioj bone konservis siajn ĉiujarajn donacojn je la kutima nivelo.

Specialajn gratulojn meritas la preĝejo Sankta-Cecila en Liverpool pro donaco de £ 114, ankaŭ gratulojn oni ŝuldas al Pastro Larkin, direktoro de la eparĥio de Southwark, pro pligrandigo de £ 100 en tiu eparĥio.

### Skoltoj celebras la Sankta-Georgo-festtagon

Imponan spektaklon prezentis 2.000 skoltoj, kiam dimanĉon 26 aprilo, ili kolektiĝis en la katedralo Westminster por renovigi sian promeson skoltan. Ili venis el ĉiuj kvartaloj de Londono, por la ĉiujara festo de sankta Georgo. Sur la larĝaj ŝtupoj de la katedralo, Duko de Marlborough akceptis la saluton. En la katedralo Pastro Bede Jarret, Dominikano, paroladis pri la temo « Tento », kaj memorigis al ili la Skoltan Leĝon. Interalie li diris: « Kvankam vi devas ĉiam vivi feliĉanime, tamen la multaj malfacilaĵoj kaj tentoj de la vivo venos al vi. Jen tie en la kapelo de via ĉiela patrono, sankta Georgo, kuŝas la restaĵojn de tiu, kiu estis iamfoje vivanta templo de Dio, martira-pastro kiu surmarŝis la saman grundon je kiu la stratoj de Westminster nun estas faritaj. Li donis sian vivon, same kiel li antaŭe donis sian energion kaj talenton en la servo de Dio kaj liaj samtempanoj. Memoru la Benitan John Soutworth, pastro de Westminster, kaj martiro de Kristo. Estu vi tiel vere al Dio, kiel li estis, kaj kun la Dia helpo vi venkos ĉiajn tentojn. »

Lia Episkopa Moŝto Butt donis la Benadon, kaj la skoltoj poste kantis la himnon *Faith of our Fathers*: Kredo de niaj Patroj.

### La Pilgrimado al Tyburn

Estis strange, sed kiel kutime la pluvo falis sur la procesiantojn dum la pilgrimo de la « Guild of Ransome ». Ĉi tiu Gildo okazigas ĉiujaran piediradon de la Martyrs Way (Vojo de la Martiroj) al la Monaĥinejo Tyburn, apud Marble Arch. Pro la fakto, ke ŝajne sen escepto pluvo falas, tiun pilgrimtagon, la nun mortinta Pastro Philip Fletcher nomis tian veteron « pilgrim-vetero ». Kvincent personoj amasiĝis ĉe la komencloko, sed dum la procesio progresis tra la stratoj, multaj aliaj konstante aliĝis, ĝis eventuale la nombro atingis 2.000. Oni haltigis la procesion ekster la preĝejo Sankta-Etheldreda, sur Ely Place, preĝejo Sankta-Anslemo kaj Cecila, en Kingsway, kaj Sankta-Patrick, Soho Square. Multaj grupoj de Monaĥinoj kaj Instruaj Fratulinoj akompanis la pilgrimantojn tra la malsekaj stratoj. Pastro John Filmer, la nuna estro de la Gildo, kondukis la procesion dum la virmembroj la Rozarion deklamis. Ĉe la Marble Arch la tuta pilgrimanaro kantis la *Credo*. La Monaĥinejo Tyburn estis ne sufiĉe granda por enteni tiom grandan homamason, do ekstere, sur la ŝoseo, multaj surgenuiĝis dum la Benado.


KATOLIKA VIVO
DUSEMAJNA GAZETO INTERNACIA

DIREKCIO kaj REDAKCIO
10, Rue Pergolèse — PARIS-XVI
Telefono: Paris-Passy 06-30 aŭ Paris-Elysées 85-84
Telegrama adreso: Ramboux, Croibayar-Paris-86
La direktoro akceptas merkrede kaj sabate de la 14-a ĝis la 18-a, kaj laŭ interkonsento.

ADMINISTRACIO
10, Rue Pergolèse — PARIS-XVI
Poŝta ĉekkonto: Ramboux Georges, Paris nº 281.40

ABONPREZOJ:

| | jara | duonjara | kvaronjara |
|---|---|---|---|
| Por Francujo kaj ĝiaj Kolonioj . . fr. fk. | 30.— | 16.— | 8 50 |
| Por landoj kun rabata poŝttarifo . fr. fk. | 35.— | 18.50 | 9.75 |
| Por aliaj landoj fr. fk. | 40.— | 21.— | 11.— |

La abonoj komencas la 1-an de ĉiu monato. Ĉiu abonanto al *Katolika Vivo* ricevas ankaŭ la monatan revuon ilustritan *Espero Katolika*. La abono daŭras, se ni ne ricevas kontraŭmendon, kaj sekve ĝi estas tuj repagota.

**Oni abonas aŭ reabonas:**

1-e Rekte al la administracio de la gazeto, ĉu per nia poŝtkonto (Ramboux Georges, Paris nº 281.40), ĉu per naciaj bankbiletoj aŭ bankĉekoj, pageblaj en Parizo, sendataj en registrigita letero; ankaŭ per internacia poŝtmandato.

La posedantoj de poŝtĉekkonto en la sekvantaj landoj: Aŭstrujo, Belgujo, Ĉehoslovakujo, Danujo, Danzigo, Franca Okcidentafriko, Germanujo, Hungarujo, Jugoslavujo, Luksemburgo, Maroko, Nederlando, Saarteritorio, Svedujo, Svisujo kaj Tunizio, povas pagi per internacia poŝtĉektransigilo al franca poŝtĉekkonto nia.

2-e Pere de la enlandaj abonejoj ĉi-sube menciitaj, sammaniere aŭ per ilia poŝtkonto:

*Por Anglujo*: S-ro J. E. Hookham, 45, Holmesdale Road, en Teddington (Middlesex).

*Por Aŭstrujo*: S-ro Karl Dürschmid, Herrengasse 23, Graz. Poŝtkonto nº 122.791.

*Por Belgujo*: S-ro César Vanbiervliet, Audenaerdesteenweg 100, Kortrijk. Poŝtkonto nº 2289.27.

*Por Ĉeĥoslovakujo*: S-ro Fr. Kozel, Trebizského 474, Praha-Koŝire. Poŝtkonto nº 89.927.

*Par Germanujo*: S-ro J. Thomalla, Harsdoferstr. 7 k. Magdeburg-W. Poŝtkonto nº 9.728.

*Por Hispanujo*: Pastro Font Giralt, Seminario de Santa María del Collell, Gerona-Bañolas.

*Por Irlando*: S-ro H. McNiel Macauley, 1, Wellington Quay, Dublin, C. 4.

*Por Nederlando*: S-ro P. A. Schendeler, Prins Hendrikstr. 30e, en Eindhoven. Poŝtkonto nº 77.739.

*Por Polujo*: S-ro M. Janik, Świerklany-Dolne (Rybnik). Konto P. K. O. 303.779, Katowice.

*Por Svislando*: S-ro K. Jos. Haas, Adligenswilerstr. 4, Luzern. Poŝtkonto: VII 3.883.


### Germana Profesoro vizitas Londonajn Studentojn

Multaj membroj kaj amikoj de la Katolika Societo de Universitato Londona kunvenis ĉe Kolegio Universitata por aŭdi prelegon de Profesoro von Hildebrand, profesoro de filozofio ĉe la Universitato de München. Li prelegis pri « Kritikismo katolika rilate al modernaj inklinoj ». Prezidis S-ro E. Bullough M. A. el Cambridge.

Dum la prelego la Profesoro diris: « La mensa situacio en la mondo nuntempe prezentas strangajn kontrastojn, ĉar kvankam scienco kaj progreso estas sur la lipoj de tiuj, kiuj forviŝus la diajn valorojn, konsideratajn kiel necesaj de la Eklezio, tamen ekzistas granda sopiro al religio. Tio estas esperdona signo. Popoloj ekkonstatas, ke scienco kaj progreso ne sufiĉas, kaj vera ŝatinda estimo por katolika opinio troviĝas en tiuj, kiuj estas ne superregataj de antaŭjuĝo. »

La Societo poste gastigis la Profesoron. Kune ili vizitis la Persan Ekspozicion, kaj ankaŭ la oficejaron de la *Daily Telegraph* en Fleet Street, Londono.

### Konsekrado de Abateja-Preĝejo Buckfast dum la venonta jaro

La preĝejo de la Buckfast-abatejo kompletiĝos dum la venonta jaro, kaj la solena konsekrado okazos en aŭgusto.

La konstruado de la preĝejo estas unu el la granda romantika monaĥejo ĉitempa.

Komencis la laboron antaŭ dudek-kvin jaroj ses Fratuloj; ek de tiutempo ili daŭre konstruas la kolonojn, murojn, arkajojn, centran turon, kaj fakte ĉion, kio estas konstruebla.

Por ke ili ne dungu eksterajn laboristojn, la monaĥoj dum la daŭro de dek jaroj preparis la ŝtonon, kaj eĉ faris la tutan inĝeniera laboradon. Nur malofte la arĥitekturisto, S-ro F. A. Walters, aŭ lia helpanto, la preĝejon vizitis.

LEO DUKES.

**Bone notu nian novan adreson!**

# La dramo de la Granda Kartusianmonaĥejo

*La grava revuo* Studies, *organo de la edukada societo de Irlando, eliranta en Dublin, publikigis, en sia numero de marto 1931, artikolon, subskribitan de Virginia M. Crawford, pri la demando de la Granda Kartusianmonaĥejo, lokita en Francujo. Tiu konscience farita studo prezentas grandan intereson. Ni do publikigas volonte tradukon faritan laŭ franca teksto de tiu artikolo, des pli volonte, ke la demando fariĝis internacia pro la fakto, ke oni intencis aranĝi en la ŝtelita monaĥejo centran ripozejon por ĉiulandaj intelektuloj.*

Por la turisto rapide veturanta en publika aŭtomobilo, laŭlonge de la mirinda vojo serpente altiganta de Grenoble, tra arboriĉa kaj kruta valo, ĝis la malgranda altebenajo sterniĝanta meze de la Dofinaj montoj, sur kiu troviĝas la Granda Kartusianmonaĥejo (1) — vojaĝo facile farebla, iro kaj reveno, dum unu posttagmezo — estas malfacile imagi la ŝanceliĝojn kaj timojn kun kiuj la vojaĝantoj de la XVI-a jarcento entreprenis tiun suprenirado kaj oni ne povas ne rideti je la esprimoj de teruro kaj timo kun kiuj, en plej pure romantika stilo, ili priskribis en siaj leteroj la torentojn kaj profundegaĵojn, la minacantajn rokojn, la arĝentkolorajn akvofalojn pendigitajn super iliaj kapoj.

Tiu vojaĝo, senigita je ĉiuj tiuj timegoj, ankoraŭ restas unu el la plej belaj imageblaj kaj tiu ĉarmo igas ankoraŭ pli korprema la impreson per afliktiĝo kaj malgajo plenigantan la koron de ĉiu katoliko, kiam li atingas la celon de tiu ekskurso. Ja, nuntempe en tiu historia pejzaĝo, tiom riĉa je religiaj memorigaĵoj, ne plu estas monaĥoj, nek monaĥejo, nek paco, nek silento, nek preĝo, nek meditado. Certe la ŝtonoj de la konstruaĵoj ankoraŭ estas tie ; sed ĉirkaŭ tiuj jarcentaj muroj, dum la someraj monataj, la publikaj aŭtomobiloj estas en rektaj vicoj en la tenejo, stratvendistoj proponas sur embarasitaj vendotabloj poŝtkartojn kaj kukoj, kaj longaj turistaj vicoj atendas por viziti la internajon de tiu konstruaĵo, kiu dum kvar jarcentoj evitis ĉiun profanan rigardon.

Varma kaj malplena estas la preĝejo de la monaĥoj, forlasitaj kaj senvivaj la longaj koridoroj. La malgrandaj ĉeloj tiel lerte aranĝitaj por ĉion necesan disponigi al iliaj izolaj loĝantoj (stablo kun sube ŝtiparejo, skribotablo, lito kaj super ĝi lada preĝkruco) estas nun invadataj de amaso da ĝojaj videmuloj, kiuj esprimas frivolajn komentariojn, antaŭ ol denove ekkuregi al siaj aŭtomobiloj, kun tiu kontentigita iluzio, ke ili konas la Kartusianejo. Dum la ĉi tie priskribita vizito, tiu sceno estis tiom ne tolerebla por iuj el ni, je la granda ĉagreno de la oficiala « gvidisto », ke ili disiĝis el la vizitanta karavano kaj deklaris, ke ili ekstere atendas la revenon de siaj ekskursaj kunuloj. Estas vere, ke tiu impona monaĥejo de la XVII-a jarcento, kun siaj altaj kaj pintaj tegmentoj, ankoraŭ staras kaj devas esti akurate zorgata de la franca registaro kiel « historia monumento » ; tamen, hodiaŭ, je spirita vinpunkto, tiu pejzaĝo estas tiom senviva ol kiam, antaŭ pli ol 800 jaroj, Lia Moŝto Hugues, episkopo de Grenoble, prezentis ĝin al sankta Bruno kaj liaj kunuloj, kiel lokon preskaŭ ne alireblan. Kiamaniere oni realigis tian bedaŭrindegan



La Granda Kartusianmonaĥejo

staton, tion detale rakontis S-ro Léon Poncet, tre konata katolika jurnalisto Dofinano, en volumo lasttempe publikigita : « Le drame de la Grande-Chartreuse ».

Ĉiu scias, ke la Kartusianoj estis laŭvorte forpelitaj el sia monaĥejo, dum la ministrado Combes, en 1903, samtempe kiel multaj aliaj religiaj kongregacioj, sed oni ofte rimarkigis la maljustegecon de la apliko de la leĝo pri la asocioj en la kazo de la Granda Kartusianmonaĥejo kaj ankaŭ la gravan materian perdon okazigitan al la tuta ĉirkaŭa loĝantaro, pro la forpelo de tiu Ordeno. Ĉar, malgraŭ sia disdetruo dum la franca Revolucio, la Kartusianoj havis posedrajton multe pli fortan ol tiu de multaj repermesitaj kongregacioj. La reveno de la Kartusianoj en Francujon estis por ili atribuigita de la ŝtato, laŭ speciala, al la solaj almetebla dekreto de aprilo 1816, ĉiujn konstruaĵojn de la Kartusianmonaĥejo kaj parton el la ĉirkaŭantaj arbaroj kaj paŝtejoj, dume plejparte la religiaj viraj kaj virinaj kongregacioj denove revenis sub la komunan leĝon voĝdonitan la sekvintan jaron. Kaj, kvankam neniu formala permesa akto estis iam ajn donita de la Registaro al la monaĥoj de la Kartusiamonaĥejo, diversaj postaj koncesioj estis al ili faritaj, tiaj kiaj rabato el ilia jara imposto kaj pligrandigo de iliaj rajtoj al la arbaroj, kiuj pravigis la fidon, kiun ili povis havi en la efektiva sekureco de sia situacio. Plie, en 1857, dum la dua Imperia Regado, kiam Romo provis translokigi en tiun ĉi urbon la sidejon de la ĝenerala direkcio de la Ordeno de la Kartusianoj, la tiutempa franca ministro por Internaj Aferoj skribis al la ĝenerala prokuroro de tiu societo, por al li rimarkigi, ke la konstanta restado en Francujo de la Kartusiana generalo estis unu el la kondiĉoj por ĝui la diversajn privilegiojn al ili konsentitajn, « sekve, la translokigo de tiu restado fremdlanden riskigus al ili la perdon de tiuj privilegioj ». Fine, kiam en marto 1880, estis ordonitaj la unuaj dekretoj rilataj al la ekstermigo de la religiaj asocioj, neniu ajn ago estis komencita kontraŭ la Kartusianoj, kaj S-ro Waldeck-Rousseau mem, demandita de Lia Abata Moŝto Michel Baglin, generalo de la Kartusianoj, pri la konsekvencoj de la nova leĝo de 1901 rilate ilian situacion, oficiale respondis (26 aŭgusto 1901), ke nedubeble tiu kongregacio ĝuis « tute specialan situacion », kiun tre certe la Deputitaro prikonsideros.

Tiakondiĉe ne estis por ili tromemfide esperi ke, eĉ meze de la uragano, kiu furiozis kontraŭ multaj el iliaj religiaj fratoj, ili povos resti trankvilaj en siaj malproksimaj montoj. Malfeliĉe kelkajn monatojn pli malfrue, S-ro Waldeck-Rousseau estis anstataŭigita de S-ro Emile Combes.

La monaĥoj de la Kartusianmonaĥejo havis alian motivon por konservi fidon, motivon bazitan sur materialaj konsideroj. Depost la reveno de ilia kongregacio, en 1816, ili estis kun senegala malavareco, bonfarantoj por la tuta ĉirkaŭanta regiono. Vere, meze de la lasta jarcento, la plimultiĝo de la mendoj pri ilia fama likvoro — sekreta kaj lerta preparado de la kreskaĵoj ŝirkolektitaj sur iliaj montoj — estis metinta je la dispono de la Respektinda Generala Moŝto mirinde gravajn sumojn ; sed, krom la multe kostaj elspezoj necesaj por taŭga konservado de vastaj konstruaĵoj elmetitaj je la veterŝanĝiĝoj, nenio — aŭ preskaŭ nenio estis elspezata por la komforteco de la kongregacianoj. La ĝustan uzon faritan el tiu ĉi mono oni povas plej trafmaniere koni, ne laŭ la monaĥaj informantoj, sed laŭ la oficiala protokolo pri la Granda Kartusianmonaĥejo farita de la prefekto de la departemento Isère, je la peto de S-ro Waldeck-Rousseau, kiam Lia Monaĥa Moŝto Baglin faris sian unuan regulan peton por restadpermeso, en 1902, aŭ ankoraŭ kaj tute tiel bone, laŭ longa interkonsiliĝa decido, la antaŭan jaron farita de la Grenoble'a Komerca Ĉambro, decido kontraŭstaranta la foriron de tiuj monaĥoj.

Per tiuj du sendependaj dokumentoj ni sciiĝas ke, se, sen iu dubo, Lia Respektinda Generala Moŝto ĉiujare elspezis tre gravajn sumojn por celoj pure religiaj, kiaj estas la Sankta-Petra imposto, la konstruado de preĝejoj kaj la asignita rento por katolikaj lernejoj — rentoj konsideritaj de la prefekto kiel senutilaj — en la sama tempo la Kartusianoj malavare donacis por pure materiaj celoj kaj por mildigi la lokajn mizeregojn. Tiel ili konstruigis, en 1892, kaj de tiu dato ili provizis je necesaĵoj modernan hospitalon kun 80 litoj, per jara elspezo de 80.000 frankoj samtempe lernejon kun 65 surdmutuloj, kiu reprezentis jaran elspezon da 60.000 frankoj. Ili estis monoferintaj 5.000 frankojn por la komunumo « Voiron », kiam ĝi estis dronigita de ruinegiga superakvigo. La konstruadon de regiona tramvojo ili estis malavare monhelpintaj, same la konstruadon de diversaj montvojoj, dume tre multaj familioj vivis per la salajroj gajnitaj en la likvorfabrikejo de Fourvoirie, ne plie kalkulante la almenaŭ



La Hospitalo konstruita en Saint-Laurent-du-Pont de la Kartusianoj, kie ili senpage flegis cent malsanulojn.

(1) Bibliografio : *Le Départ de la Grande-Chartreuse*, par André Pascal (Grenoble, 1892) ; *Le Désespéré*, par Léon Bloy (Paris, Mercure de France) ; *Les Chartreux*, par Emile Baumann (Paris, Grasset, 1928) ; *Le Drame de la Grande-Chartreuse*, par Léon Poncet (Dijon, 1930).

---

FELIETONO DE LA 24 MAJO 1931 — 2 —

# LA ARĜENTA MONERO

*malnova legendo de nekonata aŭtoro esperantlingven tradukita de* Alois Berndl

(*Daŭrigo.*)

Nun oni ĵetis ĝin en la lageton troviĝantan en la ĝardeno, sed ĉi tiu sekiĝis, kaj eĉ la bufoj kaj tritoj en ĝi time retiriĝis antaŭ la terura prezo de la perfido al la kara Savanto. Poste oni fosis ĝin en la tero de la ĝardeno. Sed ĉirkaŭe la ĝermantaj kreskaĵoj ĉesis vegetadi kaj ŝajne refalis en la dumvintran dormon kaj la tero ŝajne timis la tuŝon kun la monero, ĉar post mallonga tempo la arĝentajo ree kuŝis supre ĉe la taga lumo kaj ĉirkaŭe la tero kvazaŭ estis sin retirinta.

Sed la plej terurajo estis, ke la loĝantoj de la monaĥejo mem ŝajne estis tute aliigintaj dum la tempo, kiam la monero de Judas troviĝis en la monaĥejo ; kiel dum la unua nokto la abato kaj prioro, tiel fartis nun ĉiuj anoj de la monaĥejo. La paco, la trankvilo estis forlasintaj ilin. Terura maltrankvilo, timiga senkonsoleco kaj melankolio plenigis ĉiujn. Ŝajnis, kvazaŭ premo de malespero, kvazaŭ la tuta malfeliĉa mizero, kiu eterne regas en la animoj de la kondamnitoj, estus enirinta la monaĥejon. Neniu rideto, neniu afabla okulo, neniu gaja preĝo, neniu signo de amo kaj paco plu estis videblaj. Kvazaŭ kondamnitoj, plenaj de reciproka suspekto, plenaj de sekreta malkonfido kaj malgaja senkuraĝeco ĉiuj ŝteliradis. Kaj tamen neniu havis pekon sur la koro !

Kia estas la turmento de la kondamnito Judas en la infero, kia terura malbeno, kia nedireble severega puno atendos tiun, kiu estas kulpa je la korpo kaj sango de la Sinjoro, se eĉ tiaj signoj ligiĝas kun la monero, kiu nur tuŝiĝis kun li. Ho ! kara Savanto, gardu nin de la malfeliĉa morto kaj malbonuzo de via Sakramento !

Fine la stato ne pli longe estis tolerebla, tion ĉiuj ekkonis, kvazaŭ de nevidebla malamikaro la monaĥejo interne perfekte estus detruita.

La monaĥoj ree kunvenis en la konferenca salonego kaj ankoraŭfoje interkonsiliĝis, kiamaniere oni maldanĝerigu la fatalan arĝentan moneron.

Kiam ĉiuj monaĥoj estis kunvenintaj, leviĝis la honorinda abato. Kaj solena silento ekestis. Per obtuza, serioza voĉo li diris :

« Terura admono montriĝis al ni dum ĉi tiuj tagoj, vi ĉiuj scias, kion mi opinias. Ekzemplero de tiuj moneroj, por kiuj la apostatiĝinta apostolo perfidis sian kaj nian Savanton, troviĝas inter ni, kaj kvazaŭ ĝi havus parton de la malespero kaj de la turmentoj de la infero, je kiuj estas kondamnita ĝia iama posedanto, ankaŭ ĝi alportas la malbenon de la maltrankvilo kaj malpaco. Kvazaŭ terura, malespera ekkrio de la kondamnita apostolo pri siaj eternaj kaj senfinaj turmentoj en la malfeliĉega abismo, la muta kaj senviva monero predikas al ni kun terura persisto la veron, ke ekzistas infero kaj justeco de Dio. Kion pensas la animo de la malfeliĉulo, kies turmentojn rakontas ĉi tiu monero ! Kia puno lin turmentas, kia senkonsola malespero, kiaj senfinaj kaj senripozaj doloroj lin katenis dum tiom multaj jaroj kaj katenos lin eterne dum noktoj kaj tagoj ! Kiel li nun fartas, kion li pensas pri sia krimo kaj pri la pago de la mondo por tio : Tridek arĝentmoneroj por lia eterna feliĉo ! Kaj kiom li eterne kondamnos ĉi tiun moneron, kiu trompis lin pri sia Dio kaj Savanto, pri graco kaj paco, pri feliĉo kaj ĉielo ! Ho ! miaj fratoj, kiam nia monaĥejo estos disfalinta kaj ni ĉiuj jam de longe putrintaj, ankoraŭ vivos Judas. Kaj kiam la mondo ruiniĝos kaj kiam estos pasintaj miloj kaj milionoj da jaroj kaj kiam jam de longe estos komenciĝinta la eterna vivo, li ankoraŭ ĉiam malbenos en siaj doloregoj pri ĉi tiu mono kaj pri Satano kaj pri si mem, ke li ne venkis sin kaj ne obeis al la bonintenca admono de la Sinjoro, kies li eĉ estis iam apostolo ! Ho ! miaj fratoj, ni timu nin mem kaj niajn pasiojn, ni donu ne liberecon al ili, ni subpremu ilin, ni atentu kaj preĝu, ke ni ne falu en tenton kaj pereiĝu eterne per ĝi ! »

Kaj la tuta kunvenintaro surgenuiĝis, suprelevis la manojn kaj insiste preĝis en sankta timo kaj tremante pro la terura proksimo de la kondamno : « Ho ! Sinjoro,



Dom Miĥaelo Baglin
Generalo de la Kartusianoj

tiom konsiderindan dankemon de la multaj vizitantoj kaj turistoj, kiuj jam tiam faris la longan supreniron al la monaĥejo. Kun ĉio tio estis la tute ne kalkuleblaj ĉiutagaj nutraj- kaj mondonacoj faritaj al ĉiuj almozuloj frapintaj ĉe la pordo. Unuvorte, el tiuj du dokumentoj klare rezultis, ke la foriro de la monaĥoj estus kvazaŭ malfeliĉego por ĉiuj malriĉuloj kaj por ĉiuj filantropiaj organizoj de tiu regiono kaj certe la perspektivo de tia situacio memsekve kunhelpis instigi multajn petskribojn — unu el ili kun 76.000 subskriboj — kiu alfluegis el ĉiuj najbaraj komunumoj, kiam diskoniĝis la novajo pri verŝajna fermado.

Malfeliĉe la situacio estis duflanka. La riĉeco, eĉ taŭge kaj saĝe uzata, nepre naskas en tiu mondo envion kaj malicon, tio estas bedaŭrinda vero, kiun la religiaj kongregacioj ne sufiĉe frue suspektis. Same kiel, antaŭ la Revolucio, la kamparanoj kaj la malalta nobelaro ofte estis malamikaj al la monaĥoj pro iliaj grandegaj landsinjoraj rajtoj kaj iliaj areoj, kiuj ĝenis kaj estis tute malpermesitaj al la virinoj kaj grandparte fermitaj al la viroj, tiel devigante la vojaĝantoj al grandaj dekliniĝoj de la vojo, tiel, post la Revolucio, la famo pri la sekretaj riĉajoj, devenantaj de la vendo de la likvoro « Chartreuse », naskis la koleron kaj monavidecon de ĉiuj liberpensuloj kaj framasonoj inter la industria loĝantaro de Isère. La efektiva bonfarado de la monaĥoj estis al ili riproĉata de tiuj, kiuj malaprobegis la almozon, kiel kuraĝigon — ili pretendis — « ricevi ion pro nenio » kaj kiuj deklaris konstati grandan malmoralecon kaj kreskadon de alkoolismo inter la kamparanoj de tiu regiono pro la bonanimeco de la monaĥoj kun ĉiam malfermita mano. Tiu vidpunkto estis kun granda emfazo prezentata, en speciale malama libro, de iu S-ro Pascal, kuracisto en la regiono, kiu, pro nekonataj motivoj, ne plu havis la monaĥojn kiel klientojn kaj kiu sin venĝis skribante, kun malamika spirito, historion de la Granda Kartusianmonaĥejo, kiu sendube siaparte influis, ekscitante la lokajn antaŭjuĝojn kontraŭ la kongregacio, en momento kiam malklerikaleco estis speciale senbrida en Francujo.

La rezulto de tiu disputo daŭrigita en la ĵurnaloj kun la tuta akreco, kiun tiel facile naskas la diferencoj de la religioj, montriĝas en tio, kion S-ro Poncet prave priskribas kiel la « skandalajn debatojn » de la franca Deputitĉambro (27 marto 1903), kiam, malgraŭ elokventa protesto de Pastro Lemire, la peto pri permeso de la Kartusianoj estis malakceptita de 338 voĉoj kontraŭ 231.

Kvardek-taga templimo estis konsentita al la religia komunumo por forlasi la domon, kiu al ili apartenis de preskaŭ antaŭ mil jaroj. Tamen, Lia Abata Moŝto Michel Baglin ne decidiĝis, senproteste toleri tiun maljustaĵon kaj, en tre digna letero adresita al S-ro Combes, li deklaris, ke sola perforto haltigos la preĝojn sur iliaj lipoj. Tiam sekvis la historia sceno de la 29 aprilo, kiam ĝendarmoj kaj juĝistoj, infanterio kaj kavalerio estis kunigitaj ĉe la tagiĝo sur la montdeklivo kaj trabatis al si vojon ĝis la monaĥeja enirejo, tra malamika anaro da ĉirkaŭe 5.000 katolikaj manifestantoj, kiuj pasigis la nokton en la ĉirkaŭantaj arbaroj. La ĉefa pordo estis disrompita kaj fine la tridek monaĥoj estis elpelitaj el la preĝejo, ĉiu inter du ĝendarmoj, kaj kondukitaj ĝis la malsupro de la monto, meze de siaj amikoj. Post tio la Kartusianoj forlasis Francujon.

*(Daŭrigota.)*

Tradukis el *La République de l'Isère*
A. Ploussu.



Okaze de la forpelo de la Kartusianoj la popolo protestas

# LETERO EL NEDERLANDO

### Katolika Laborkomitato por la Senarmigadkonferenco 1932

La 14 aprilo okazis en Amsterdamo la unua prepariga kunsido de ĉi supra komitato.

En ĉi tiu komitato, kiu fondiĝis antaŭ nelonge, por nacie kaj internacie propagandi la ideon de komuna kaj samtempa malpliigo de la armigado, precipe rilate la en 1932 en Genève okazonta Senarmigadkonferenco, partoprenas delegitoj de proksimume dekkvar el la plej gravaj katolikaj asocioj en Nederlando. Sekretario de ĉi tiu komitato estas Pastro D. Beaufort, el Utreĥto.

Ankaŭ « Nederlanda Katoliko «, la nederlanda sekcio de IKUE, partoprenas per sia prezidanto, S-ro H. Damen, el s'Hertogenbosch.

### Fratulino doktoriĝas

En la Katolika Universitato en Nimego okazis la 2 majo la unua doktorigo de virina studento. La kandidatino estis religiulino el la Societo J. M. J. (Jesuo, Mario, Josefo). La doktorigo okazis por la beletristika kaj filozofia fakultato, pri disertacio : « Karaktero kaj kulturo de la Romanoj en *De Civitate Dei I-V* », de sankta Augusteno, kaj estis *cum laude*.

La nova doktorino Fratulino Agnes Dicker naskiĝis en Deventer kaj laboras nuntempe kiel instruistino en la katolika liceo por knabinoj en Roterdamo. Menciinde ankoraŭ estas ke ŝi, la antaŭan jaron, premiiĝis en konkurso, kiun tiam okazigis la Senato de la Libera Universitato en Amsterdamo.

J. H. Westen.

# PRI LATVUJO

### Katolikoj en nekatolika lando

La 22 marto 1931 en la katedralo de Riga estis presbiterigitaj 16 pastraseminarianoj preskaŭ ĉiuj latgaloj. Lia Ekscelenco Ĉefepiskopo Springavičius administris la sacerdotordinon.

Ĉi tiu okazintaĵo ebligas nin priskribi seminarion kaj katolikan vivon en ĉi tiu protestanta lando. En Latvujo estas 450.000 katolikoj aŭ proksimume unu kvarono de la loĝantaro. Post proklamo de sendependeco eparĥio estis reestablita. Tiucele en 1923 de luteranoj ili reakiris en Riga la katedralon Sankta-Jakobo. En referendumo ekaperinta protesto de Latva nacio restis senfara. Nun katedralo staras imponante ĉe la Seima (parlamenta) palaco, kie en 1572 staris pastroseminario fondita de Papo Gregorio XIII-a, pli malfrue detruita de Svedoj post tri jaroj. Vere, tio estas karakteriza koincido. Pli malfrue, 1757-1843, ekzistis de Episkopo Ostrovski fondita seminario en Kraslava, Latgalujo. El ĝi eliris proksimume 200 pastroj. Rusoj ĝin fermis. Pli profunde ekrigardante historion oni vidos ĉi ĉie katolikan spiriton. Ĉiuj grandaj preĝejoj nun luterataj restas posedaĵo de katolikoj.

Nuntempan seminarion fondis Ĉefepiskopo Springavičius en Aglono (3-10-1920). Komence ĝi estis subtenata per privataj mondonacoj. Dum la unua jaro eniris 29 aspirantoj. De fondiĝo ĝis nun rektoro estas la episkopo kaj Seima deputito J. Rancaus. Kiam la registaro ekkomencis subteni seminarion (12-3-1924) post subskribo de konkordato, ĝi estis translokigita en Riga, kie ĝi okupas belan palacon kun peco de tero apud Maria-lago. Ĝis nun el ĝi eliris 50 presbiteroj. En seminario nun estas proksimume 70 aspirantoj. Laŭ statistikoj el Maria-tero (Latgalujo) daŭre de 50 lastaj jaroj devenis 5 episkopoj, 170 presbiteroj, 49 klerikoj. Nuna seminario flanke de registaro estas rajtigita kaj egaligita al universitato, tiamaniere ĝi estas kvazaŭ teologi-fakultato.

Post redono de katedralo al katolikoj kaj transloĝiĝo de seminario en Riga, katolika vivo klare ekprogresis. En seminariaj muroj oni eldonadas monatan revuon *Katolic Dzeiwe* (Katolika Vivo), kion oni disvastigas jam 6 jaroj meze de kampularo po 15.000 ekzempleroj. En Riga estas 40.000 diversnaciaj katolikoj, kiuj lasttempe aktive aperis en du publikaj procesioj dum festo de Dia Korpo. Ankaŭ en aliaj ajoj ili vidiĝas konkordemaj, ekzemple en ĉiujaraj vesperoj, en ĉijare starigita komuna porbalota al urbestraro listo, kies gvidanto estas Episkopo J. Rancaus.

Ĝenerale, Latvaj katolikoj, kvankam en protestanta lando, okupadas pli kaj pli honorajn poziciojn. Ankaŭ en nova ministraro de Ulmanis ili havas eĉ tri siajn ministrojn, havante en Seimo nur 6 deputitojn. Laŭ Latva kalkulado ĉi tiu nombro povus pliigi trioble, okaze de pli aktiva voĉdonado. Latvaj fratoj estante fortaj jam nun kun pli granda espero paŝadas en lumradian estontecon, Dio ilin helpu, laŭ ilia nacia himna propeto :

« Dio savu Latvujon
Nian karan patrujon ! »

K. St.

**Propagandu ĉien nian gazeton**

Dio-Patro, kaj vi, Nia Savanto Jesu-Kristo, ne transdonu nin al niaj pasioj, ne lasu nin al niaj avidoj ! Liberigu nin de la malbono, ne konduku nin en tenton, plifortigu en ni la bonon kontraŭ niaj propraj malforteco kaj mallaboremo ! Kaj vi, ho ! sankta Dipatrino, preĝu por ni ĉe la Dia trono pro la plej valora graeo, ke ni restu persistemaj kaj ne memvole nin transdonu al la peko. Amen ! »

Tiam ili interkonsiliĝis, kien la arĝentmonero estu nun metota, ĉar nek ŝtono, nek tero volis ĝin konservi kaj ĉar dum ĝia ĉeesto regis la monaĥejon kvazaŭ nevidebla, terura haladzo el la loko de la eterna kondamno, kiu estis komencita rabi pacon kaj trankvilon, amon kaj ĝojon, piecon kaj esperon al ĉiuj anoj de la monaĥejo.

Fine diris monaĥo : « Eble ĉesos la influo de la malbonulo, se ni enŝlosos la arĝentmoneron en inaŭguritan, sanktan objekton kaj kunigos kun ĝi. Ĉar ni ja devas kaj povas venki la malbonon per la bono. »

Respondis alia : « Sed, ĉu ne estas grava sakrilegio, kunigi sanktaĵon kun la malbenita sangmonero ? Kaj kien ni metu la arĝentaĵon ? Ĉu eble en altaron aŭ eble eĉ en krucparteton ? Ĉu tio ne estus profaniĝo de sanktaĵo ? »

« Ne tiel, rediris la unua. Mi opiniis, ĉu oni ne povus uzi la arĝentmoneron por la servo al la sankeco, ekzemple fari ilon el ĝia arĝento ; ĉu oni ne aliigu ĝian metalon en piedon de krucifikso aŭ de kandelingo, aŭ simile ? Jam iu kruela princo, pentante siajn pekojn, transformigis sian oran glavtenilon en krucifikson, kaj iu nobela sinjorino faris sanktajn ornatojn por la Eklezio el la ornamaĵoj kaj roboj, pri kiuj ŝi antaŭe fieris kaj fanfaronis. Kaj tiamaniere la ilo de l' malbono ŝanĝiĝis en ilon de la bono. Do mi pensis, ke oni povus same utiligi la metalon de la arĝentaĵo por ilo de l' beno kaj bono. »

« La frato certe estas prava, diris nun la abato. Kaj por realigi lian penson, mi tuj faros proponon, kiu ŝajnas al mi plej taŭga. Vi ĉiuj scias, ke la sanktaj objektoj, krucifiksoj, kalikoj kaj ceteraj, kiujn ni havas, plene sufiĉas por ni. Sed antaŭ ne longe krevis sonorilo, kiu devas esti nove formverŝota. Ĉu ni nun ĵetu la fatalan moneron al la sonorilmetalo en la fandujon ? Tiamaniere ĝia formo tute detruiĝus, ĝia metalo kunfandiĝus kaj intermiksiĝus kun la alia en la fajro, tiel ke la malsanktaĵo asimiliĝus al la benitaĵo. Fandite en la sonorilon, ĝi eble ne povos efiki malbone kaj devos sonori kune kun la alia metalo je la honoro de Dio, kiam oni sonorigos la sonorilon ĉu por la Sakramentbeno, ĉu dum la konsekro, ĉu okaze de entombigo. Tial mi opinias, ke ni ĵetu la arĝentaĵon en la fandujon. Kaj, por ke ni liberiĝu de ĝi kiel eble plej baldaŭ, mi ordonas, ke oni tuj morgaŭ preparu la fandadon de la sonorilo. »

La tuta kunvenintaro aplaŭde konsentis.

La postan tagon oni venigis sonorilfaristojn, kiujn plenumis la antaŭlaborojn. Kaj, kelkajn semajnojn poste, okazis la fandado. Kiam la sonorilbronzo kvazaŭ fajra maro malrapide ekmoviĝis en la fandujo kaj ekfluiĝis, la abato benis ĝin kaj ĵetis la moneron meze en la sonorilbronzo.

Sed terure eksaltis la sonorila metalo, siblante kaj furioze bolegante. Neniu povis alproksimiĝi al la fandujo ; ĉiuflanken elŝpruciĝis kaj eksaltadis la metalo. Ĉiam denove aperis supre, sur la arda maro, la arĝentajo kun la arderuĝa makulo. Ŝajne la sonorilbronzo volis reeljeti la moneron kaj forpuŝi ĝin de si. Sed ĝi ne sukcesis. Kaj fine oni vidis, ke la arĝenta monero iom post iom fandiĝis kaj intermiksiĝis kun la alia metalo. Iom post iom la metalo trankviliĝis kaj fine oni povis formverŝi la sonorilon. Fumante la metalo torentis en la formon. Kiam oni forprenis la formon, la sonorilo montriĝis sen difekto, brilanta en la suna lumo. De la monero ne plu estis videbla postsigno, sed ĉe la rando de la sonorilo ardis la sama sangmakulo, kiu troviĝis sur la rando de la monero.

La postan tagon la sonorilo solene estis inaŭgurita kaj nomata « Petro-sonorilo », honore al tiu apostolo, kiu pentis sian pekon kontraŭ la Sinjoro, male al Judas, kiu malesperis pro sia krimo, kaj poste ĝi estis tirata supren al la turo por esti sonorigota la unua fojon.

Kun streĉegiga atento ĉiuj atendis la sonorigadon.

*(Daŭrigota.)*

## INFORMOJ EL FRANCUJO

**La centjarfesto pri la liberecakiro por la katolikaj lernejoj**

En multaj urboj de Francujo okazis kaj ankoraŭ okazos festoj por memorigi la liberecakiron por la katolikaj lernejoj. Parizo festis tiun gravan okazintajon, la 2 kaj 3 majo lasta.

La festoj komencis per inaŭguro, sabaton posttagmeze, de memortabulo fiksita sur la domo, en kiu, antaŭ cent jaroj, Lacordaire, Montalembert kaj de Coux malfermis la unuan katolikan lernejon, la 9 majo 1931, malgraŭ la leĝo kaj universitata monopolo. Ĉeestis Msro Baudrillart, titola ĉefepiskopo de Meliteneo, rektoro de la Katolika Instituto, Marŝalo Lyautey, Generalo de Castelnau, senatanoj, deputitoj, urbestraranoj kaj eminentuloj diversaj.

Kolonelo Keller, S-ro Georges Goyau, el la Franca Akademio, kaj S-ro Raymond Laurent laŭvice paroladis pri la libereco de la katolikoj akirita antaŭ cent jaroj por eduki katolike iliajn infanojn.

Dimanĉon matene okazis en la katedralo Nia-Sinjorino de Parizo solena dankmeso, kiun prezidis Lia Kardinala Moŝto Verdier, ĉefepiskopo de Parizo, kaj kiun ĉeestis multaj eminentuloj.

Tagmeze komuna festeno grupigis en la Palaco de la Ekspozicioj, flanke de la kardinalo de Parizo, multnombrajn katolikajn eminentulojn. Je la toastmomento, Generalo de Castelnau, prezidanto de la Nacia Katolika Federacio, entuziasme alvokis la katolikojn, denove grupiĝi por defendi tiun instruliberecon tiel multekoste akiritan antaŭ cent jaroj, kaj kiu estas nuntempe ree atakata de la malamikoj de la katolika religio. Senatano François-Saint-Maur siavice aplaŭdigis Generalon de Castelnau, kiel energia defendanto de ĉiuj religiaj liberecoj.

Vespere en la granda salonego de la Trokadero-Palaco, tutplena de katolikoj, diversaj oratoroj priparolis la antaŭajn kaj ankoraŭ estontajn batalojn por plena instrulibereco konsentota al la katolikaj edukistoj.

Tiuj festoj estis bela manifestado de la vigleco de la katolika movado en Parizo kaj en Francujo.

**La skoltoj kaj la kulto al la Virgulino**

Kiel la lastan jaron, tiel ankaŭ ĉijare, la generala stabo de la katolikaj skoltoj sendis alvokon al la skolttrupoj de Parizo kaj de la provinco, por ke la skoltknaboj ornamu, dum la maja monato, ĉiujn statuojn de la sankta Virgulino Mario. En Parizo oni kalkulas pli ol 50 statuoj, lokitaj ĉu ĉe angulo de stratoj, ĉu supre de pordegoj. Ĉiu trupo zorgis pri florornamo de unu statuo de la Dipatrino.

**Religio kaj scienco**

Malgraŭ la diroj de la sendiuloj ĉiusepecaj, Religio kaj Scienco estas ofte, se ne ĉiam, bonaj amikoj. Jen nova ekzemplo. La Akademio de la Koloniaj Sciencoj jus aljuĝis kun laŭdoj premion al Pastro Karlo Poisson, Jezuito, direktoro de la observejo de Tananarivo, Madagaskar, pro lia rimarkinda verko pri la antaŭkalkulo de la ciklonoj en la suda duonsfero. Pastro Poisson publikigis diversajn sciencajn verkojn, ekzemple « Historio fisika, natura kaj politika de Madagaskar » kaj « Meteorologio de Madagaskar ».

**La organizado de la Katolika Agado**

Ŝajnas, ke baldaŭ finiĝos la organizaj laboroj de la Katolika Agado en Francujo laŭ la deziroj de Lia Papa Moŝto. La tasko estis tute malfacila, ĉar en Francujo ekzistas jam multaj katolikaj societoj kaj asocioj. Tie ne estas kiel en kelkaj landoj, kie katolikoj posedis nur malmultajn verkojn.

Sub la nomo « Katolika Agado » estos grupigataj ĉiuj katolikaj asocioj de la hierarĥio rajtigitaj. Supere gvidos la katolikan agadon la Kunvenantaro de la kardinaloj kaj ĉefepiskopoj kaj la Konstanta Komisiono de la kardinaloj kaj ĉefepiskopoj. Poste estos prezidantaro, konsistanta el Kardinalo Verdier, ĉefepiskopo de Parizo; tri ĉefepiskopoj: tiuj de Cambrai, Sens kaj Rouen; kaj unu episkopo: tiu de Versailles, Msro Roland-Gosselin. Fine estos efektiviganta komitato, konsistanta el tri personoj: Kanoniko Stanislas Courbe, eparĥia direktoro de la junulaj asocioj de Parizo, Kanoniko Richaud, direktoro de la junulaj asocioj de la eparĥio de Versailles, kaj S-ro Francisko Hébrard, prezidanto de la Federacio Gimnastika kaj Sporta de la Patronejoj de Francujo (FGSPF).

## ĈIEAJ INFORMOJ

■ La registara komisiono por la Saar-teritorio jus publikigis la ciferojn de la popolkalkulado fine de 1930 okazinta. La loĝantaro kreskis de 774.000 homoj, en 1928, ĝis 805.000, fine de 1930, el kiuj estas 570.000 katolikoj, t. e. 70 %, kontraŭ 210.000 protestantoj, t. e. 25 %. (*Argus.*)

■ Msro Emmanuel Prat, apostola vikario de Amoi, kaj Pastro Aŭgusteno Andres, ambaŭ Dominikanoj hispanaj, estis kaptitaj en Hong-Tieng (Ĥinujo), kune kun du pastroj kaj unu klerikulo ĥinaj. Aliparte la ĥina Pastro Sun estis kaptita en Musich. (*Fides.*)

■ Kardinalo Pompilj, episkopo de Velletri, vikario de Lia Papa Moŝto kaj ĉefpresbitero de Sankta-Johano de Laterano, mortis en Romo, la 5 majo, 73-jara.

■ Lia Kardinala Moŝto Bourne, ĉefepiskopo de Westminster (Anglujo), estas komisiita de la Papo, por lin riprezenti en la festoj honore al sankta Johanino de Ark, okazontaj en Rouen (Francujo), fine de majo.

■ Kardinalo Liénard, episkopo de Lille, estas nomita papa legato por la nacia Eŭkaristia kongreso, kiu okazos en Lille (Francujo) komence de julio.

## Al niaj legantoj de Parizo kaj ĉirkaŭaĵoj

Ni ĝojas, sciigi al niaj ŝatataj gelegantoj, loĝantaj en Parizo kaj ĉirkaŭaĵoj, ke ni plezure akceptos ilin ĉiusabate de la 16-a ĝis la 18-a en nia nova oficejo: 10, rue Pergolèse, Paris-XVI, por babiladi pri nia gazeto kaj nia propagando. Ni estus feliĉaj, se tiamaniere organiziĝus liberaj kunvenoj de katolikaj samideanoj en nia oficejo. Komprenéble ĉiuj aliaj samideanoj, kiuj eventuale troviĝos en Parizo, iun ajn sabaton, estos ankaŭ bonvenakceptataj.

Ankaŭ estos organizata tri ĉefaj komisionoj: religia kiun estros eminenta pastro; civila, sub la gvidado de Generalo de Castelnau; kaj socia, kies ĉefulo estos S-ro Duthoit, prezidanto de la Sociaj Semajnoj de Francujo.

**Diversaĵoj**

Katolikaj kunvenoj daŭre okazis en diversaj partoj de Francujo kun pli malpli da sukceso. En Troyes, 5.000 viroj kunvenis pri la katolika agado pli kaj pli vigligota en tiu regiono de la suda Ĉampanujo. En Villefranche-de-Rouergue, 5.000 katolikoj kunsidis por postuli pligrandigon de instrulibereco por la katolikoj.

G. O.

*Kun la permeso de la ekleziaj aŭtoritatoj.*

Respondeca Redaktoro (*Gérant*): Th. MERVILLE.

Presejo J. SOLSONA, 9, rue Hallé, Paris-14e. - Gob. 62-71

**Katolika Vivo**
informiga gazeto internacia

**De nun nia adreso estas :**
**10, Rue Pergolèse - Paris-XVI**

## LETERO EL GERMANUJO

**Katolika Konferenco por Pola-Germana Interkomprenigo**

Bela sukceso estis la pola-germana konferenco, kiu la 28 kaj 29 marto okazis en la nova ĉefsekretariejo de la Katolika Junmetiista Unuiĝo (Katholischer Gesellenverein) en Köln. La konferenco estis komune organizita de la Paca Ligo de Germanaj Katolikoj, de Mondjunularo Katolika (MOKA) kaj de la Frataro por Interpacigo. Ĉi tiuj organizajoj estis dissendintaj personajn invitilojn, por certigi la kunvenon de vere laborkapabla kaj kompetenta personaro, kaj ili en tio sukcesis. Ĉeestis proksimume 60 personoj, inter ili ĉ. 15 de pola nacieco kaj deko da pastroj. Multaj ĉeestantoj estis fakuloj pri la problemo pritraktota, kaj multaj estis gvidantoj de gravaj asocioj, ĵurnaloj aŭ revuoj.

Ĉefsekretario Kaŝpar Mayr (Wien) donis la unuan enkondukon en la problemaron, montrante faktojn, malhelpojn, taskojn. Universitata Docento D-ro H. Dembinski (Kraków) pritraktis konkretajn politikajn, ekonomiajn kaj kulturajn problemojn, montrante la polan vidpunkton kaj eventualajn eblecojn de definitiva solvo. Estiĝis tre vigla kaj interesa diskutado, en kiu ekzemple partoprenis Pastro Franziskus Stratmann, O. P. (Berlin), Pastro Horstmann, S. J. (Düsseldorf), Pastro Boehm (Sieglar), Profesoro Antz (Bonn), S-ro Macejewski (Hamborn), D-ro Solzbacher (Köln), D-ro Ehlen (Velbert), Redaktoro Saupe (Köln), Sekretario Kolvenbach (Düsseldorf), D-ro Kaczmarek (Berlin) kaj aliaj fakuloj. La grandaj suferoj de Polujo en la pasintaj jarcentoj kaj la devo de ne nur ekstera, sed ankaŭ morala riparo de la tiama kulpo estas montritaj, same oni parolis pri la etnologiaj, religiaj kaj ekonomiaj faktoj.

Dimanĉe okazis denove du kunsidoj, kies unuan oni dediĉis al la problemo de la polaj malplimultoj en Germanujo. D-ro Kaczmarek (Berlin), prezidanto de la Pola Asocio en Germanujo, estis la ĉefparolanto, raportanta pri nombro, ekonomia situacio, lernejoj, postuloj ktp. de la poloj en Germanujo. En la diskutado estis speciale grava tio, kion la nunaj aŭ estintaj animprizorgantoj de poloj Pastro Wachowski (Köln), Pastro Böhm (Sieglar) kaj Pastro Horstmann, S. J. (Düsseldorf) diris. Oni komprenehle ankaŭ parolis pri la problemo de la malplimultoj entute kaj venis al tiuj konkludoj, kiuj laŭ la kristana spirito devus esti justaj. Ĉiu nacio devos rilati al la malplimultoj en sia lando kun justeco kaj amo, kaj laŭ la regulo, ke fremdaj malplimultoj en la propra lando estu same traktataj, kiel oni deziras, ke la propraj malplimultoj estu traktataj en la fremda lando.

Oni en Köln nur bedaŭris, ke ne ankaŭ ĉeestis kompetentaj riprezentantoj de la germanaj malplimultoj en Polujo (kvankam ĉeestis personoj bonege konantaj ilian situacion) ; rilate ilian staton ja estas tre malfacile, ĉion klare vidi, pro la specialaj politikaj metodoj de la nuntempa Polujo.

La posttagmezon malfermis parolado de Pastro Heinrich Horstmann, S. J., estinta animprizorganto de poloj kaj nuna redaktoro de la katolika junulara gazeto *Jung-Wacht*. Li parolis pri « la taskoj de la katolikoj en la pola-germana interpacigo », montris la grandajn devojn kaj eblecojn kaj faris praktikajn proponojn. Cetere Pastro Horstmann apartenas al tiuj, kiuj ne kontentiĝas pri belaj proponoj, sed ŝatas, tuj komenci ilian realigon. Li do jam preparas vojaĝon kun trideko da junuloj el la Katolika Junvira Asocio tra Polujo, por amikiĝi kun la pola popolo kaj speciale kun la katolika junularo de tiu lando. D-ro Dembinski raportis pri la komencoj de la katolika paca movado en Polujo.

La kunvenojn lerte prezidis Urbestro D-ro Gunst (Hüsten), Prezidanto de la Paca Ligo de Germanaj Katolikoj, la teknikan preparon gvidis D-ro Stephan (Köln) kaj D-ro Solzbacher (Köln). Tuj post la konferenco okazis specialaj konferencoj de la Paca Ligo kaj de Mondjunularo Katolika (MOKA).

Antaŭ kaj post la konferenco de Köln Ĉefsekretario Kaspar Mayr (Wien) kaj Universitata Docento D-ro Dembinski (Kraków) vojaĝis tra Germanujo kaj paroladis en multaj kunvenoj antaŭ miloj da aŭskultantoj pri la katolikaj taskoj en la pola-germana interkomprenigo.

**Esperanto en la Katolika Agado**

Tiun temon pritraktis konferenco de katolikaj esperantistoj, kiu okazis la 26 aprilo en Essen. Ĉeestis speciale homoj el la Esperanto-Sekcio de IKA kaj la iama kunlaborantaro de la gazeto *Katolika Mondo* kaj el Mondjunularo Katolika (MOKA). S-ro Peter Klein prezidis. D-ro Wilhem Solzbacher donis raporton, speciale pri la nova gazeto *Katolika Vivo*. Post vigla diskutado oni decidis, laboradi por la disvastigo de nove kreota kombinita abono de *Katolika Vivo* kaj *La Juna Batalanto*. Por tio estas formita speciala komitato sub gvido de D-ro W. Hinsenkamp (Essen), Peter Klein (Essen) kaj D-ro Solzbacher (Köln).

**La episkopoj kaj la nacisocialismo**

Intertempe la episkopoj de ĉiuj germanaj ekleziaj provincoj publikigis dekretojn kontraŭ la nacisocialista Hitler-movado. Ĉi tiu provas ĉiujn eblajn kontraŭargumentojn, precipe tion, ke oni diras ke la episkopoj ja ne estas senerarai kaj ke oni atendas decidon de la Papo mem. Do ekzakte la sama konduto, kiam oni antaŭ kelkaj jaroj spertis en Francujo rilate la « Action Française ».

**La prusa parlamento (Landtag) kaj la kontraŭreligiuloj**

La prusa parlamento akceptis proponon kontraŭ la « fenomenoj, kiuj povas ofendi la sentojn de la kristana loĝantaro. Vastaj rondoj vidas en tio danĝeron por la morala integreco de la popolo. La parlamento decidas : La Ŝtata Registaro estas petata, tuj forigi tiajn ekscesojn per administraj iloj. »

**La Paca Ligo de Germanaj Katolikoj**

La Ligo havas depost kelkaj semajnoj novan ĉefsekretarion : Paulus Lenz, kiu laboras en la Frankfurta centrejo. Li faras vizitojn al laŭeble ĉiuj ligaj grupoj, por reaktivigi la agadon.

La nunjara kongreso de la Ligo okazos en novembro en Berlin. Ĝia temo estas : Ligo de Nacioj kaj Malarmado. Tre kompetentaj fakuloj, ankaŭ el aliaj landoj, estas invitataj, paroladi.

**La Katolika Kongreso (Katholikentag)**

La Katolika Tago (Katholikentag) de la germanaj katolikoj okazos en ĉi tiu jaro en *Nürnberg* (Bavarujo).

**50-jara naskiĝtago de Jakob Kneip**

La 24 aprilo la katolika poeto Jakob Kneip en Köln festis sian 50-an naskiĝtagon. Li estas unu el la plej bonaj kaj plej kuraĝaj homoj, kiuj al la hodiaŭa mondo anoncas ĝiajn taskojn kaj ĝiajn devojn. Li estas granda amiko de la paco kaj faris bonegajn paroladojn ĉe diversaj pacaj kongresoj. Jen lasu min citi kelkajn versojn el unu el liaj poemoj :

Vi, fratoj, konstruantoj, manojn donu,
Venu, por fondi kun mi fortan ligon ;
Kio en Dia fluo superbolas,
Ci tie ĝi dediĉu sin
Al la popolo,
Al la homaro,
Al la eterna Dia plano !
Kaj vi, servantoj diaj ĉe l'altaro
Jen en la katedralo, kie fluas
La nacioj :
Iru, anoncu de la predikejo
De Sankt-Bernardo novan krucmiliton,
Nun kontraŭ la demonoj de l' malamo,
Milito kaj milobla hombuĉado.
Diru : La granda Dia Regno, la miljara,
Ne estis jam, — nun nur ĝi suprenvenas,
Super la sangomakulita tero ĝi leviĝas
Kaj lumon verŝas ĉirkaŭ nia tero.
En la matena lum' poeto staras,
Entuziasma pro vizio granda, —
Por novan tagon de la Eterneco,
La duan grandan tagon anonĉadi !
Haleluja !

D-ro Wilhelm Solzbacher.

## SATANA PRIPENSO



Ĉu vere la katolikoj uzos praktike Esperanton ?



## Katolika kulturo en Usono

Kelkiam oni aŭdas paroli pri venonta « Dua Printempo » por la katolikoj en Usono.

Jen du faktoj signifoplenaj.

Laŭ invito de la Senato de ŝtato Teksas, Lia Kardinala Moŝto Hayes alvenis en la teksasa ĉefurbo Aŭstin, por alparoli la Senaton. Temis pri la ducentjara datreveno de la fondo de San Antonio, unu el la plej tipe hispanaj urboj. Ne nur la civitaj festoj, sed eĉ la religiaj solenajoj okultrude montris la mire-dramatikan historion de tiu ŝtato. Ĉi tie laboregis en antaŭaj jarcentoj francaj kaj hispanaj misiistoj. Kaj kvankam la plimulto de la Senato estas nekatolika, kaj kvankam Teksas estis antaŭ nelonge la lando de la perfortoj de unuiĝo Ku-Kluks-Klan, la lando de la protestantaj kontraŭkatolikaj lernolibroj, la senatanoj rigardis kiel sian devon, inviti tian eminente katolikan kaj tipe usonan Ekleziprincon kiel sian honorgaston.

Simila gesto en la glora Kapitolo de Washington. La nekatolika festparolanto, kiu devis oficiale laŭdegi Patron Serra ĉe la videbligado de ties granda statuo, lin nomis prave ne nur « apostolo de Kristaneco en la *Far West* Ŝtatoj », sed ankaŭ « tiea pioniro de civilizacio ». *Honorable* Isadore Dockweiler, el Los Angeles, priskribis lian senkomparan laboron rilate al la okcident-usona civilizacio. Li diris i. a. : « Por ni, Usonanoj, estas grava afero ne forgesi, ke — se ne estus estinta la reĝimo de Patro Serra — (t. e. la sistemo de rezervejoj en la indianaj misiejoj) tiu granda ŝtato Kalifornio verŝajne apartenus al alia grandpotenco. La evoluo de Kalifornio, konstruita de la franciskana Patro Serra, al la riĉa kaj bela Kalifornio nuntempa, estas vere evoluo natura. Kiajn taskojn finplenumis tiu pioniro ! Temas pri ne malpli ol agrikulturo, hortikulturo, vinberkulturo, trafikvojoj, artoj, establo de regna sistemo, preparo de Kristanaro, civilizo de la formiĝinta Kristanaro, — jen la silueto de la monumenta laboro de la ĝentila kaj sankta "Patro de la Ruĝhaŭtuloj" ».

(Laŭ *De Tijd*.) Floriano.

## INFORMOJ EL ORIENTO

■ La revuo *Araba Kuriero de la Sanktega-Koro* lasttempe publikigis mallongan biografion pri Georges Eddé, filo de fama advokato maronita en Beyrouth, eks-studanto de la Jezuitoj, ĉe la Universitato Sankta-Josefo en ĉi tiu urbo, mortinta en januaro 1929, 12-jara, post kiam li estis montrinta ekzemplon de la plej belaj virtoj. Tiu rakonto enhavas ateston de D-ro Joseph Farhate, bone konata en Beyrouth, kiu medicine konstatis miraklan resanigon okazintan, sekve de surmeto de fotografajo de Georgo Eddé, en majo 1930.

■ En 1929 konvertiĝis al Katolikismo 995 homoj, preskaŭ ĉiuj skismuloj koptaj, en Supera Egiptujo.

■ Apostolaj junulinoj instruas la kateĥismon al malriĉaj infanoj, sabate kaj dimanĉe, en la katedralo de Heliopolis, la nova Kairo. Tiuj klasoj okazas en araba, angla, itala kaj franca lingvoj.

■ La libana kaj siria registaroj aljuĝis superajn ordenojn al la grek-katolika patriarko, Msro Cirilo IX-a Moghabghab, pro la gravaj servoj de li faritaj en Libano kaj Sirio, kiel patriarko.

■ La Societo de la Katolikaj Virinoj de Kairo, kiu prizorgas la preĝejojn, speciale la malriĉajn, kolektis, de 1923 ĝis 1930, proksimume 127.000 frankojn tiucele, kaj elspezis pli ol la naŭ dekonoj.

R. Nakhala, S. J.
Direktoro de la *Araba Kuriero*.